Año XIV N.º 5 (134) OCTUBRE-NOVIEMBRE 1962

Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# Elstara vizitinto

La estinta kongreso en Valladolid ne havis multajn eksterlandajn vizitantojn. Tamen, ili sufiĉis por bone pruvi la perfektan taŭgecon de Esperanto por la internaciaj rilatoj. Plej efika kaj frapa pruvo estis la japana profesoro Taro Niŝiumi, kiu, en la universitato de Tokio instruas Modernan Historion.

Lia mallonga sed trafa interveno, dum la solena Ferma Kunsido, estis plena konfirmo de la vivanteco de Esperanto inter nacioj kaj kontinentoj, inter diversaj kulturoj kaj civilizoj.

La kongresintoj en Valladolid, certe estimos la publikadon de lia bildo, kiun ni ŝuldas al la fotoservo de «Heroldo».

Pliafoje, Esperanto proksimigis landojn kaj popolojn; ĝia mirinda efiko harmoniigis esprimojn kaj sentojn; pliafoje, ni povis taksi la gravecon de la Zamenhofa elpenso.



**BOLETIN**
DE LA
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura

Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN
Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.
Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.
Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.
Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.
Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.
La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortoj aŭ frakcio. Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:
Oficialaj aferoj devas esti adresataj al:
**Federación Española de Esperanto**
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

Originalojn, solvojn de enigmoj, sugestojn por Boletín, k. t. p., adresu al:
S-ro Angel Pérez Saura (por Boletín)
Str. V. Sancho-Tello, 24, b d., Valencia Hispan.)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem Tarín
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)
(Klarigante la destinon de la sendita mono: por HEF, por **Libroservo**, por **Boletín**, por io alia .

Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)
Str. Arce, 8, 2-°, 4. , Cornellá (Barcelona) Hisp.)
Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.

# PARA NUESTRO BOLETIN

**DONATIVOS RECIBIDOS DURANTE JUNIO Y JULIO DE 1962**

| | Pesetas |
|---|---|
| Suma anterior | 3.371 |
| E. Folgado (Badajoz) | 10 |
| J. Oliveras (Barcelona) | 40 |
| J. Geli (Palma) | 15 |
| J. Dárday (Budapest) | 10 |
| J. Guzmán (Valencia) | 20 |
| R. Albero (Burjasot) | 60 |
| T. Estanislao (Barcelona) | 10 |
| S. Carreira (Lisboa) | 100 |
| F. Abella (Barcelona) | 25 |
| Klubo «Payá», S. A. (Mislata-Valencia) (María, 5; Ana María, 5; Vicentita, 5; Paqui, 3; Finita, 3; Roberto, 20; Catalá, 5; Terol, 5; Blasco, 5; Alfredo, 5; Modesto, 5; Sanchis, 5; Vicente, 5; Vilaplana, 5; Leopoldo, 5; Juanito, 5; Tonet, 5; Félix, 5; Julio, 5; Valenzuela, 5; Forés, 5; Forés (elec.), 5; Pepito, 5; Batiste, 5; Serisola, 5; Aparisi, 3; Pedro (Vale.), 3; Angelet, 3; Rafa, 4; Briz, 3; Isaías, 3; Mas, 3; Torregrosa, 3; Mateu, 5). | 166 |
| Suma pesetas | 3.827 |

## NUESTROS SOCIOS PROTECTORES

**(En esta lista no incluimos a los que reciben dos ejemplares del BOLETIN)**

D. José Vigatá (Cánoves).
D. Nicomedes Ullar (S. Feliu Codinas).
Centro Parroquial (S. Feliu Codinas).
D. Antonio Ribeiro (Portugal).
D. Antonio Ribeiro (1961, Portugal).

## NI FUNEBRAS

Pasintan kvinan de Novembro forpasis, en Barclono, sam.° Eusebio PONS, post operacio en la hepato. Nia estimita samideano, 56 jaraĝa, estis tre fervora kaj agema esperantisto, kaj li havis multajn amikojn.

Ni esprimas nian bedaŭron kaj kondolencon al la ĉagrenita familio kaj al la barcelona esperantistaro, kiu ne forgesos lin.

En Tarrasa, post longa kaj dolorplena malsano forpasis la 17n de Oktobro, Sn.° Ramona Mur Puig edzino de nia kara sam.° Sebastián Chaler, kies personecon ni ne bezonas priskribi. Ni komprenas lian doloron kaj ni esprimas nian sinceran bedaŭron pro la forta bato, kiu ree frapas lin, post la perdo de lia kara filo.

# CONCLUSIONES DEL XXIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

En la última reunión de delegados de las Asociaciones y Grupos de toda España, después de amplia deliberación fueron aprobadas las siguientes Conclusiones, que fueron leídas en la sesión solemne de clausura, presidida por las autoridades militares, civiles y académicas, y aprobadas por aclamación :

1.ª Solicitar del Excmo. Sr. Ministro de Educación Nacional la introducción del idioma internacional auxiliar Esperanto en los Institutos de Segunda Enseñanza, al lado de las asignaturas de idiomas extranjeros, y a ser posible antes de comenzar el estudio de estas lenguas, ya que el conocimiento previo de la lengua internacional facilitaría grandemente el estudio de las otras.

2.ª Proponer al Excmo. Sr. Ministro de Información y Turismo la edición, por los Organos del mismo, de un folleto en Esperanto, adecuadamente ilustrado, para dar a conocer las bellezas naturales, artísticas e históricas de las distintas regiones de España a todos los países del mundo, por medio de la Organización Universal de Esperanto, sus delegados y sus asociaciones nacionales y provinciales, igual que hacen numerosos países de toda Europa y algunos de Asia y América.

3.ª Pedir al Excmo. Sr. Ministro del Ejército que en las Escuelas Regionales de Idiomas se incluya la enseñanza de la lengua internacional Esperanto, para lo que se le ruega encomiende tal disposición al Sr. Teniente General, Jefe del Estado Mayor Central de dicho Ministerio.

Igualmente se pide al Excmo. Sr. Ministro que a todo oficial que hable el Esperanto se le haga notación en su hoja de servicios como un mérito a todos los efectos, conservando el espíritu de un decreto en este sentido, dictado por S. M. Alfonso XIII, que no ha sido derogado.

---

Se acordó igualmente dirigirse por los medios que se consideren más adecuados, a la Dirección de la Fundación March, solicitando, previos los razonamientos oportunos, una subvención anual para destinarla a trabajos de propagación del idioma internacional Esperanto, por medio de clases, cursos por correspondencia, publicaciones, mejora de las ya existentes, edición de libros para el estudio de la lengua, impresos de propaganda, etc.

---

## SCIIGO DE NIA INFORMOFICEJO

Ni ege bezonas la helpon de iu Grupo aŭ Rondo. Jen nia celo : Jam de tempo, ni intencas enkonduki en la naciajn radiostaciojn, Esperanto-Kurson en 20 lecionoj.

Antaŭ kelkaj jaroj, Esperanto-Grupo Moyá pretigis kurson, kiu, pro teknikaj kaŭzoj, ne estas perfekta, sed, ĝi bone povos taŭgi por realigi nian projekton. Ni posedas la tekston kaj la du magnetofonajn sonbendojn sur kiuj estas gravuritaj la lecionoj.

Por la koncerna dialogo estas nur necesaj du viraj voĉoj kaj unu virina ; kompreneble, oni bezonas magnetofonan aparaton. Pri la monaj rimedoj ni pritraktos poste, sed certe ni men solvos ilin.

Ke ĉiu Grupo studu nian gravan proponon ; se ni povus efektivigi ĝin ni havus bonegan materialon por, tre efike, konigi nian karan lingvon.

Ni atendas viajn proponojn. Skribu kiel eble plej baldaŭ. Korajn antaŭdankojn.

# ZAMENHOFA MESAĜO

Nia karmemora samideano Francisko Azorín, Prezidanto de la Esperanta Asocio de Meksikio, sendis al ni afablan saluton, okaze de la lasta kongreso en Valladolid. En la sama koverto enŝoviĝis saluton de Dro Zamenhof. Tamen, la petolema diableto kiu tion elpensis maltrafis la ĝustan aviadilon kaj la saluto atingis sian celon malakurate, sed, ni pensas, tutefike. Jen, ĝi estas :

KARAJ SAMIDEANOJ HISPANAJ : Dank' al vi, dank'al la esperantistaro tutmonda, mi restas nemortulo. Sekve, ne estos, por vi, granda surprizo, ricevi leteron mian el la alia mondo ; por gratuli vian kongreson, unue ; poste...

Mia familio, kiel vi scias, estis hispandevena. Via popolo estis kaj estas, tolerema, kiel ĝi pruvis, samepoke, kun la amerikaj indianoj ; sed, kruela leĝo de viaj Katolikaj Reĝoj, en 31a de Marto, 1642a ekzilis miajn praavojn foren, ĉar ili estis hebreaj. Ili devige saltis la Pirineojn, kaj, peze trakuris Eŭropon iam laborante, alifoje almozpetante, kiel mizeraj ciganoj. Ili restis pli da tempo en Samhof, bavara vilaĝo, kie mia familio, kiu antaŭe perdis ĉion, perdis ankaŭ la nomon... De tie, ili estis alnomataj «la Samhof» ; poste, la Samenhof ; mi ŝanĝis tion per Zamenhof kaj, kiam mi skribis libron, mi variis radikale, subskribante per : Doktoro Esperanto.

Dum la ekzilo plurlanda, miaj familianoj, pli malpli devige, lernis plurajn lingvojn ; tiel, kiam ili atingis finon de Eŭropo, ili donis lecionojn de idiomoj por gajni sian vivon. En Polujo, miaj familianoj vivis en Tikozin, poste en Bialistok, kie mi naskiĝis en 1859. Mia patro instruis al mi multajn lingvojn ; ne la hispanan, al kiu la familio gardis resenton. Mi ne ; mi ne malamis personojn, nek religiojn, nek lingvojn ; sed neniu instruis al mi la hispanan ; nur dum la Universala Kongreso de Barcelono, mi lernis kelkajn vortojn. Sed, pro la devenorigino, la genio de la hispana lingvo, senkonscie, estis en mi. Kiam —nunmonate— plenumiĝas 75 jarojn de kiam mi publikigis mian «Lingvon Internacian», mi elektis la 5 vokalojn, nur de via lingvo ; mi finis la verbojn per -i, kiu similas al viaj verboj en -ir ; mi karakterizis la adjektivojn per fina «a», simile al la plejmultaj viaj, kaj eĉ faris la plimulton el ili, 280, egalajn : *Absoluta, acida, aktiva, aktuala alta, amorfa, atenta, avara, avida, beata, blanka, brava, bruna, burleska, centripeta, centrifuga, cinika, definitiva, diafana*... ĝis 280! La substantivojn mi finis, ankaŭ, per «o», kiel la plimulto el la viaj, kaj, senscie, mi faris radikegalajn al la viaj 2.500! *Abismo, Ablativo, Absceso, Adepto, Aerolito, Aeroplano, Aerostato, Afonio, Aforismo, Agato, Agrikulturo, Akanto, Aksiomo, Akto Akustiko, Akvario, Akvedukto, Alabastro, Albino, Alfabeto, Aritmetiko, Aluminio, Anfibio, Anfiteatro, Amoniako, Amuleto, Anakronismo, Anarkismo, Angulo, Antagonismo, Antidoto, Antipirino, Antologio, Antropologio, Aparato,* ĝis 2.500! Por ne esti peza, mi ne kopias la verbojn egalajn. Ĉu alia lingvo nacia povas fieri pri tia simileco?

Kiel la poloj, pasintjare, la danoj nunjare, kaj la nederlandanoj venontjare, la Lingvo Internacia estas oficialigita en instrucentroj iom post iom. Mi konis, ĝoje, ke, ĉe vi, en nuna kurso, ĝi jam estas instruata en la Universitato de Santiago de Compostela. La Rektora Moŝto de ĉitiea Universitato de Valladolid, ĝentile cedis ĝiajn salonojn por via Esperanta Kongreso. Ke li, kiel la aliaj aŭtoritatoj, ĝin protektanta, faru la samon kaj instigu la Staton, ĝenerale oficialigi la Lingvon Internacian, nepra jam al ĉiu klera homo.

*Via en la Gloro*

L. L. ZAMENHOF

Post plezura legado de tiu «diablaĵo» ni povas certigi al nia kara samideano Azorín, ke, laŭ konata itallingva eldiraĵo, «*se non e vero, e ben trovato*...»

# PAGINA DE HUMOR

## DEL ESPERANTO, LA LOA, POR LA MUSA DE... GAMBOA

Compendiadas instrucciones
para aprender sin lecciones
el maravilloso encanto
de este **idioma** : EL ESPERANTO.

**¡ Esperanto, Esperanto,**
**eres para mí un encanto !**
**¿ Por qué a mí me gustas tanto ?**
**¡ Esperanto, Esperanto !**
**¿ Y por qué, en el mundo entero,**
**no hay un idioma extranjero**
**que reúna tal encanto**
**como tiene el Esperanto ?**
**¿ Qué tendrá este «pajolero»**
que lo aprende el mundo entero
de una manera sencilla
y a perfecta maravilla ?
Tan fácil, tan fácil es,
que es mucho más que el inglés.
Su gramática dulzona,
es perfecta y facilona,
y se tendrá gran cuidado
del exacto «parolado».
Del vocablo, su matiz,
te lo marca la raíz.
Si éste es sustantivo, yo
he de terminarlo en «o».
Y hay que ver si el sustantivo
está en caso acusativo,
pues si de esta suerte viene,
se le añadirá una ene,
no fallando el femenino,
pues siempre terminará en «ino».
El artículo, ¡ allá va !,
y no hay más que éste : «la»,
para EL y para ELLA,
como si fuera paella,
para LOS y para LAS,
así de revuelto, y ¡ zás !
Necesitando el muy tuno,
para todos, sólo uno.
El indefinido, es **chiste,**
pues, en verdad, que **no existe.**
**Hay que llamar la atención**
para la **conjugación.**
**Para evitarnos azares,**
**no hay verbos irregulares,**
**y hay que poner atención**
**en toda terminación.**
**Siempre el principal motivo**
**será el infinitivo.**
**Si éste terminase en «i»,**
**es infinitivo : ¡ sí !**
**Cuando en el presente estás,**
**has de terminarlo en «as».**
**El pretérito es en «is»,**
**si es que así lo preferís.**
**El futuro, siempre en «os».**
**pues ha de venir en pos,**
el **condicional en «us»**
como **jugada de mus**
y el imperativo en «u»,
como hace la vaca : «¡ múúúúú... !»
Como siempre, el adjetivo
ha de presentarse altivo,
el vocablo que así va
ha de terminar en «a»,
pues si terminase en «e»,
adverbio sería, ¡ ché !

Si estudiais con gran ahínco
con vuestros sentidos cinco,
muy pronto conseguiréis,
y en seguida lo veréis,
aprender a la primera
de una manera certera
el idioma más rotundo
que ha de hablarse en todo el mundo.

ANTONIO GAMBOA Y SÁNCHEZ
*De la Klubo "Fido kaj Espero", el Valladolido.*

# LA KUNSIDO DE H.E.J.S. EN VALLADOLID

Je la sesa kaj duono, en bela kaj ampleksa lernoĉambro de la Universitato, kunvenis la H. E. J. S.-anoj (La junularaj anoj de Hispana Esperanto Federacio). Ĉeestis la Prezidanto de H. E. J. S., kiel reprezentato de la H. E. J. S. estraro, la H. E. J. S-delegito en Valladolid, S-ro Francisco Merayo, pastro Jonás Castro kaj kvardek gejunuloj.

Prezidis la kunvenon pastro Jonás Castro; H. E. J. S-prezidanto, Salvador Aragay; H. E. J. S-delegito, Francisco Merayo kaj fraŭlinoj Tinuca Tranque kaj María Carmen Aguado, de Valladolid.

Malfermis la kunvenon pastro Jonás Castro; poste, S-ro Merayo salutis la kongresanojn kaj prezentis la prezidanton S-ro S. Aragay.

Nome de la Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, S-ro S. Aragay ĝoje salutis ĉiujn kaj esprimis, per fervoraj vortoj, sian dankon al la aŭtoritatuloj, Loka Kongresa Komitato, kongresanoj kaj speciale al S-ro. F. Merayo, kiu, ĝentile kaj ofereme, helpis H. E. J. S. por la organizado de la junulara sekcio en la Esperanta Grupo de Valladolid «FIDO KAJ ESPERO», kaj planis, samtempe, ĉi-tiun kunvenon.

Poste, salutis la ĉeestantaron la reprezentantoj de jenaj esperantaj grupoj:

Madrido: S-ino Francisca Yruegas.

Bilbao: S-ano Juan Ostariz.

Palma de Majorko: S-ino María Vich.

Barcelono: S-ino Mercedes Carrasco.

Finis la salutvortojn la Vic-sekretario de Hispana Esperanta Federacio S-ro Jaime Aragay, kiu, majstre, tuŝis la koron de la kongresanoj petante al ili, ilian fervoron kaj fidon por la Internacia Lingvo Esperanto.

La H. E. J. S.-prezidanto S-ro S. Aragay petis al la ĉeestantaro, ke ili bonvolu trakti, unue, la problemon organizi novajn junularajn sekciojn; dum la interesa diskutado, du junuloj esprimis sian intereson por organizi, laŭ la eblecoj, *novajn junularajn sekciojn, en Madrido kaj Bilbao.* Ĉiuj aplaŭdis ilian decidon kaj, tiel, se la novaj kunlaborantoj vigle strebas, certe, dum la nova jaro 1963-a, H. E. J. S. havos junularan sekcion en Madrido (dank'al S-ro Adolfo Polo) kaj Bilbao (dank'al S-ro Juan Ostariz).

Sekve, la H. E. J. S-prezidanto legis la SUBSKRIBITAJN DOKUMENTOJN por H. E. J. S., okaze de la antaŭa Internacia Esperanta kongreso de T. E. J. O. en Wokingham, Anglujo, kaj la UNUAN LABORPLANON DE H. E. J. S, planitan kaj aprobitan en Sabadell dum la l-a Hispana Junulara Esperanto-Renkontiĝo.

Fine, post la koncernaj demandoj kaj la sciigo de kvin novaj membroj, la prezidanto de la Kunveno fermis la kunsidon.

*Prezidanto,*
S. Aragay

---

# IMITINDA DECIDO

Moŝta Provinca Deputitaro el Barcelono, ĵus destinis 30.000 pesetojn (6.000 stelojn) por subvencii Instituto-n de Esperanto en la indikita urbo. La Kultura Komisiono de la menciita grava organizaĵo, en kunveno de la 24-a de julio, favore akceptis la peton, prezentitan de S-ro J. M.ª Solé Saldaña, Prezidanto de Instituto de Esperanto.

Ĉi tiu apogo signifas la oficialan rekonon, fare de la Moŝta Deputitaro al la sindonaj, trafaj kaj efikaj laboroj de «Instituto de Esperanto» en la kultura kaj esperantista kampoj, dum lastaj jaroj. Samtempe, ĝi montras la amikajn rilatojn ke inter ambaŭ organizaĵoj jam ekzistas delonge.

Nome de la barcelonaj esperantistoj kaj ankaŭ de ĉiuj hispanaj, niajn sincerajn dankojn al S-ro Andrés Brugues Llobera, Deputito-Prezidanto de la Eduka Komisiono (Comisión de Educación de la Excma. Diputación Provincial) de Barcelono.

# *La esperantista vivo*

**V A L L D O L I D.**— Post la brila kongreso, la esperantista vivo reprenas sian viglecon kaj la tiea klubo aktive laboras. Sam° Z. Caminero, kiu, tiel ageme laboris por la organizado de la kongreso, gvidas konstantan programon en Radio Valladolid. Aliflanke, sam° Cantalapiedra, la nelacigebla disvastiganto de nia lingvo, organizis, en la Asociejo, novan kurson al kiu aliĝis, jam, 25 lernantoj. La semo de la kongreso, do, ne perdiĝis!

---

AVERTO AL LA EKZAMENITOJ! — Tiuj kiuj, post la ekzameno, estis aprobitaj, laŭ la sciigo sur la recenza numero, povas peti la koncernan diplomon de la Federacio, kontraŭ pago de la ekzamenrajto kaj la prezo de la diplomo —entute, 25 ptjn.— sendendaj al la federacia kasisto, Sam° E. Guillem (M. de Caro, 6, Valencia). Tiu titolo devas esti, por ili, pruvo de ilia kapablo kaj, samtempe, atestilo pri ilia esperantisteco!

---

UN BUEN RECUERDO DE VALLADOLID

Lo tienen los Congresistas que asistieron, pero usted también lo puede tener, adquiriendo algunos recuerdos de dicho Congreso, que podemos aún servir.

Kongreslibro, en excelente papel.

Emblema, muy vistoso, en cuatro colores.

Cartel anunciador, precioso.

Hoja de 10 viñetas, a tres colores.

Nos quedan 35 colecciones para los primeros que los pidan, a 10 ptas. Luego, sólo podremos remitir otras 20 colecciones SIN EL Kongreslibro (enviaremos doble cartel).

Pídalos, pues, a: ESPERANTO. Marqués de Caro, 6. Valencia.

Las tarjetas están agotadas.

## SAMA DE LANGREO

Por rememori la 75an datrevenon de la apero de la unua lernolibro de la Internacia Lingvo, mi preparis prelegeton aŭ paroladeton, kiun mi legis ĉe la salono de la Publika Biblioteko «Jerónimo González», de ĉi tiu urbeto, la 23an de pasinta junio, je la naŭa vespere, antaŭ duoncento de personoj kiuj aŭskultis tre atente ĝiajn diversajn partojn: bezono de la Internacia Lingvo, antaŭaĵoj de la esperanta lingvo kaj ĝia apero, fundamentaj principoj kaj eduka valoro de la Zamenhofa lingvo, esperanta literaturo, organizado de la Esperanto-Movado kaj nuntempa stato de la Internacia Lingvo.

Mia paroladeto, kompreneble, estis tre modesta, sed mi kredas ke ĝi atingis la celon kiun mi deziris: interesi la diversajn geaŭskultantojn pri la Esperanto-Lingvo.

Kelkaj el ili aĉetis lernolibrojn kaj promesis studi ilin. Estas pli: Post malmute da tagoj mi renkontis samprofesianinon, kiu salutis min en Esperanto kaj diris al mi ke ŝi jam konas plurajn regulojn kaj ke dum la somera ferio ŝi intencos lerni la belan Zamenhofan lingvon, kies 75an datrevenon ni rememoras nun.

La saman tagon mi ankaŭ prezentis al la publiko personan ekspozicion de esperantaj eldonaĵoj, kiun ĉiuj vidis kun intereso.

Du ĵurnaloj: «La Voz de Asturias» kaj «Región», informis pri ambaŭ eventoj.

Post mia modesta legado, pro la intereso de la ĉeestantaro, mi devas pensi ke ni ne propagas laŭ nia devo nian noblan idealon kaj ke estus tre fruktodonaj naciaj prelegvojaĝoj, de entuziasmaj kaj kapablaj personoj.

Kion diras pri tio ĉi la estraranoj de H. E. F. kaj la gelegantoj de «Boletin»?

Ĉu ne estas pli bone paroli pri la disvastigo de nia kara lingvo ol polemiki pri la problemo Ata/Ita?

Sama de Langreo, julio de 1962.

S. COLLADO

# Recenzoj, cirkuleroj, k. t. p.

## PERFEKTECO DE ESPERANTAJ VERBOJ

**L. Mimó**

*Nia elstara kaj studema samideano L. Mimó, el Sabadell, sendis al ni, antaŭ multaj monatoj, la valorajn opiniojn de akademianoj pri sia verko: "Perfekteco de la esperantaj verboj"*

*La preparo de la pasinta kongreso kaj la posta recenzo malebligis al ni ĝian publikadon. Nun, ni tion faras, tre plezure, ĉar la verko pritraktas, objektive, multajn aspektojn pri la temo, el kiu la afero "ata-ita" —kiun ni ne devas komentarii— estas nur konsistiganta parto.*

*Ni estas certaj pri la profito kiun akiros tiuj kiuj tralegos la valoran verkon de nia sabadella samideano, kiu, tiel laboreme, daŭre strebas por nia lingvo.*

*Gabriel Chavet*

Mi opinias, ke la normoj kiujn vi starigas en via verko estas konformaj je la universala logiko.

*M. C. Butler.*

Mi kredas, ke via verko estas valora studo pri la Esperanta verbo, kaj tre atentinda.

*R. Haferkorn.*

La aŭtoro de la libro «Perfekteco de la Esperantaj Verboj» bonege sukcesis montri la logikan kaj racian ekzaktecon, laŭ kiu en la Internacia Lingvo eblas esprimi la tempojn de aktivo kaj pasivo.

*Teo Jung.*

Gi estas diligenta laboraĵo, kies studadon mi povas rekomendi al ĉiu interesiĝanto.

*Walter Lippmann.*

Mi legis ĝin kun intereso kaj ĝenerale tute kun aprobo. Mi ĝojas pri via intereso en gramatikaj problemoj kaj esperas, ke viaj pluaj laboroj akcelos la sciencan esploron de nia lingvo.

*Paul Neergaard.*

Mi kun intereso legis ĝin, kaj mi konsideras tre utile, ke diversaj vidpunktoj koncerne al la problemo de la ĝusta uzado de la verboj en Esperanto kaj tute aparte de la pasivaj participoj, estas submetitaj al diskutado kaj elprovado ankaŭ el teoriaj vidpunktoj.

*Anakreon Stamatiadis.*

Mi atente tralegis la du partojn de via verko Perfekteco de la Esperantaj Verboj kaj mi trovis ambaŭ tre interesaj.

...mi varme rekomendas ĝin al la superaj klasoj (2.ª kaj 3.ª) de miaj gestudentoj kaj gelernantoj de Altlernejoj.

*C. Stop-Bowitz.*

Laŭ mia sperto la kondicionalo estas en Esperanto tro malmulte atentata. Preskaŭ ĉiuj esperantistoj erare uzas ĝin, kaj estas ege valore, ke vi nun precizigas ĝian veran kaj solan sencon kaj uzadon.

*F. Szilágyi.*

Via traktato entute estas zorga studo kaj sistemigo de la verbotempoj kaj kompleta, oni povus diri enciklopedia gramatika verketo.

---

NOTO DE LA AUTORO: Kvankam, ankaŭ, la diskutita demando pri la pasiva participo estas pritraktata en ĉi tiu verko, post interŝanĝo de opinioj, la aŭtoro konsideras ke, la de li prezentata solvo, meza inter -ata kaj -ita, ne havas valoron absolutan kaj tute decidan, sed nur partan, kaj deziras klare sciigi, ke la publikigo de la supraj komentarioj ne signifas ke tiuj akademianoj prenis partion rilate al tiu demando.

# "JUNAĜA VERKARO"

**Ed. Privat (†)**

«En sia granda entuziasmo por la lingvo ,tro multaj volis versfaradi, kaj la perlojn ni devas serĉadi sub amasoj da neniaĵoj.» Ĉi tiujn vortojn de Edmond Privat, el sia parolado pri esperanta literaturo, kiun ni povas legi en «Junaĝa Verkaro», mi mencias ĉar vere unu el tiuj perloj inter miloj da neniaĵoj estas ĉi tiu libro pri kiu mi skribas kvazaŭ recenze.

La aŭtoro, per vere simpla Esperanto, Esperanto sen anguloj, flua, glata, komprenebla, Esperanto ĉiutaga, sen absurdaj komplikaĵoj kaj sen neologismoj, esprimas sentojn kaj agojn ornamitaj per la plej diversaj nuancoj, kapteblaj de sentema persono.

En la libro, reeldono de kelkaj verketoj de la aŭtoro, estas specimenoj de parolado, prozo, poezio kaj teatro, kaj nenie mi trovas vorton, nek frazojn konfuzajn aŭ ŝokajn al nia frazkonstruado, kio pensigas min pri internacia stilo.

Al tiuj cititaj kvalitoj ni aldonu la regantan spiriton tra la tuta libro, spiriton homan, pacan, pozitivan; spiriton, kiun ni povas kvalifiki per unu sola vorto : esperanta.

*Junaĝa verkaro* estas libro rekomendinda por ĉiuj kaj speciale por tiuj, kiuj jam finis la elementajn kursojn de Esperanto.

A. P. S.

*Disko pri Esperanto-fonetiko* (verda etiketo : J. Peyronnet-S. Flego) : 52 ptoj.

*Disko pri Esperanto-fonetiko* (blua etiketo : Emilija Lapenna-Darío Rodríguez) : 52 ptoj.

*La Kunprinclando Andoro* (Bacquer, Ribot, 75 p. 60 fotoj pri la Valoj de Andoroj) : 98 ptoj.

*Grezijono invitas vin* (Ribot. Esperante kaj france. 16 p.) : 15 ptoj.

*Kolorilustritaj rakontoj por infanoj.* Ĉiu : 15 ptoj.

*Kolekto: 10 malsamaj rakontoj* : 125 ptoj.

*Dictionnaire Français-Esperanto* (Léger kaj Albault, 736 p., bindita) : 262 ptoj.

*Le Docteur Esperanto* (Ziolkowska ; biografio de Zamenhof, franclingva, 168 p.) : Broŝurita : 84 ptoj. ; Bindita : 174 ptoj.

MENDOJ kun antaŭpago de la koncerna sumo al S-ro DARIO RODRIGUEZ, Galileo, 51, 5° D., MADRID (15).

La eldonejo liveros al vi la mendaĵon, rekte el Marmande. Por registrita afranko, se dezirata, aldonu 10 ptojn.

---

# "Tragedio en la Universo"

## La junaj Astronomoj-Esperantistoj

La verkistoj avertas pri gravege minacanta danĝero por la homaro ; sendube, la enhavo ne estas neatingebla fantazio nek kimera utopio, sed malagrabla realaĵo, okazonta en iu estonteco tiel proksima ke ĝi ŝajne jam komencis.

Kompreneble, la libro rilatas al la atomeksperimentoj kaj al ĝia konsekvenco : la atommilito ; sed, bedaŭrinde, tiuj, kiuj povus haltigi tiun frenezan kuradon al la ekstermo de la homaro, nek legis neg legos ĉi tiun libron aŭ aliajn similajn.

Lingve, mi trovas en la libro strangajn formojn, kiel : ankoraŭas, eltialas, pluplue, junas, solsona, elhazardis, tradolĉadis, ekalternativis, albaldaŭas, kt. t. p., kies signifon mi povas diveni per la teksto, sed malfacile kompreni.

Krom la alvoko por haltigo de atomeksplodoj, la verko estas kurioza kaj instrua, do, rekomendinda por esperanta biblioteko ; multe pli, ĉar ĝi kontraŭbatalas la atomeksperimentadon, ne de unu aŭ alia politika flanko, sed de homama flanko.

K. R.

Mondkoalicio kontraŭ vivisekcio, intencas fondi novan fakon en U. E. A. kies celo estas tiu indikata de sia nomo.

Pliajn informojn petu ĉe : Mondkoalicio kontraŭ Vivisekcio. Esperanto-fako. Hoogvlieststr. 18. HAGO. Nederlando.

---

Belega faldbroŝuro pri germana urbo Wuppertal, presita en Esperanto, kun multaj bildoj, alvenis al nia redakcio. Sendita de la loka E-Grupo.

---

Kelkaj ekzempleroj de alia faldfolio pri urbo Düsseldorf kun folio, aparte presita en Esperanto, ankaŭ alvenis de la koncerna loka grupo.

Somerlibertempejo «Esperantujo». Kun «Tragedio en la Universo» mi ricevas broŝuron kiu priskribas ĉi tiun restadejon, fondita de la verkistoj de tiu libro, apud arbareto en la golfo Primoŝten. Akompanas la broŝuron bela aerfotografaĵo, kun indiko pri la situo de la tendaro «Esperantujo».

K. R.

—ZAMENHOF FOTOJ.—S-ro H. Thien, Uiterwaardenstraat 12, Amsterdam, Nederlando, kunlaboranto de CED, kolektis grandan nombron de fotoj el la vivo de D-ro Zamenhof, aŭ en ligo kun li. S-ro Thien kasigis tiujn fotojn kaj listigis ilin. CED eldonis tiun liston, kiun ni ricevas. La fotoj en formato 9 × 12 cm. kostas, 2'4 stelojn ; 13 × 18 = 4'8 ; diapozitivo 5 × 5 cm. kun kadro = 4'8 ; kaj filmstrio-bildo = 4'8 stelojn.

MONDA KULTURO. — Aperonta revuo pri literaturo, filmo kaj teatro. Ĝi estos kultura revu de UEA ; ĝi aperos trimonate kaj la jarabono al la nova revuo kostas 60 stelojn.

AFIŜO PRI ESPERANTO. — Afiŝo eldonita de UEA rezulte de la tiurilata konkurso. La formato estas 41'5 × 59 cm. kaj alia 58'8 × 83'2 cm. La malsupra parto de la afiŝo restas blanka por ke la mendintoj surpresigu nacian tekston por anonci kurson, ekspozicion, ktp. Prezoj : malgranda formato : 1 ekz. 0'80 stelojn. Granda formato 1'60 st. Rabatoj por 100 aŭ 1.000 ekz.

# KVITANCE

«Palencia» (9-5-62). Pri la Kongreso de Valladolid. Sendis. E. Marbán.

«Revuo «Diez Minutos» (30-4-62). Pri NEO kaj iomete favora al Esperanto ; sendis Sro Martín Gómez kaj J. Manuel Gutiérrez.

«Pueblo» (30-4-62). Eŭropo serĉas komunan lingvon. Favora al Esperanto sed ankaŭ iomete al volapuk, interlingva kaj angla. Sendis. Sro Martín Gómez kaj Juan Manuel Gutiérrez.

«Asociación de Maestros Industriales» ; aprilo 1962. Noto pri «la scienco kaj Esperanto» verkita de Sro Jaime Aragay. Sendis. Sro Alfonso Tur.

«El Norte de Castilla», Valladolid. Letero a la Direktoro, tre interesa, favora al Esperanto. Sendis. Juan Manuel Gutiérrez.

«El Norte de Castilla», Valladolid (22-3-62). Gaja artikolo pri Esperanto. Sendis. Sro Juan Manuel Gutiérrez.

«El Norte de Castilla», Valladolid (5-10-61). Gravega artikolo pri la esperanta movado en Valladolid. Sendis. Sro Juan Manuel Gutiérrez.

«El Correo Español-El Pueblo Vasco» (12-5-62). Longa artikolo pri la evoluo de Esperanto ; tre interesa. Sendis. Club Deportivo Eibar.

«Correo Catalán», Barcelono (19-4-62). *Carta al Director*, skribita de manresano. Sendis. J. Climent kaj José de la Cruz.

«Manresa» (5-2-62). Grava artikolo pri la vojaĝo tra Afriko de esperantistoj ; sendis. Sro José de la Cruz.

«Región», Mieres (29-4-62). Noteto pri la movado kaj progreso de Esperanto en Mieres. Sendis : Adonis González.

«Vida Nueva», katolika revuo ; letero al la Direktoro, verkita de samideano Giordano Moya.

- «El Correo de Andalucía» (44-7-62). Informo de nia Informoficejo pri la 23-a Kongreso Sendis. S-ro. F. G. del Pino.
- «Ofensiva», Jurnalo de Cuenca. (18-5-62). 1-a Informo de nia Informoficejo

pri la 23-a Kongreso. Sendis. S-ro Pablo Redondo.

- «Ofensiva». Jurnalo de Cuenca (3-5-62). 1-a Informo de nia Informoficejo, pri Esperanto. Sendis. S-ro Pablo Redondo.
- Jurnalo «Palencia» (9-5-62). 1-a Informo de nia Informoficejo; sendis. S-ro E. Marban.
- Revuo «Mundo» (24-6-62). Interesa artikolo pri Esperanto. Verkis kaj sendis : S-ro Giordano Moya.
- «Noticiero Universal» (13-6-62). Tre grava artikolo pri Esperanto. Sendis. S-ro José Climent.
- «El Noticiero» (7-6-62). 1-a informo de nia Informoficejo. Sendis. S-ro Fernando de la Puente.
- «El Correo Catalán» (6-6-62). Noteto pri Esperanto.
- «Vida Nueva» (19-5-62). Longa artikolo pri Esperanto.
- «El Norte de Castilla» (24-6-62). Interesa artikolo pri Esperanto. Sendis. S-ro Caminero.
- «Diario de Barcelona». Noto pri la 23-a Kongreso.
- «Falange» (27-5-62). 1-a Informo de nia Informoficejo; sendis. S-ro. José Báez.
- «Sur» (8-7-62). 1-a informo de nia Informoficejo. Sendis S-ro. Eleuterio Moreno. Sendis. Sro. Caminero.
- «Libertad» (7-7-62). Longa artikolo pri la 23-a Kongreso. Sendis. S-ro. Caminero.
- «A B C» (19-7-62). Noteto pri la 23-a Kongreso. Sendis. D-ro. Arranz.
- «A B C». (22-7-62). Interesa artikolo pri la 23-a Kongreso. Sendis. D-ro Arranz.
- «A B C» (23-7-62). Longa artikolo pri la 23-a Kongreso kaj la E-Movado en Madrido. Sendis. D-ro Arranz.
- «Hoja del Lunes» (23-7-62). Tre interesa artikolo pri la E-Movado en Madrido. Sendis. D-ro. Arranz.
- «El Noticiero Universal» (26-7-62). Noteto pri la 23-a Kongreso. Sendis. S-ro J. Climent.
- «La Vanguardia Española» (12-7-62). 2-a Informo de nia Informoficejo. Sendis. S-ro R. Molera.
- «La Vanguardia Española» (27-7-62). Noteto pri la 23-a Kongreso. Sendis. S-ro. R. Molera.
- «Vendrell» (27-7-62). Noteto pri la 23-a Kongreso. Sendis. S-ro. Jaime Marcé.
- «Vida Nueva» (16-7-62). Tre grava artikolo pri Esperanto. Sendis. S-ro. Armando Asensi.
- «Formación». 1-a informo de nia Informoficejo.
- Jurnaloj. «Baleares», «Diario de Mallorca» kaj «Ultima Hora». Informoj de nia Informoficejo.
- «Alhambra» kaj la ĵurnalo «Patria» publikigis informoj de nia Informoficejo.
- «Neyr». Majo kaj junio. Artikolo pri Esperanto.

—oOo—

La tri ĵurnaloj de Valladolid, okaze la 23-a Kongreso regalis la publikon per tutpaĝaj artikoloj pri la Kongreso. Nome de la Informoficejo kaj de la hispana esperantistaro ni tre dankas la respektivajn S-rojn Direktorojn, pro iliaj ĝentilaĵoj. Nur ni mencias kiom de artikoloj publigigis ĉiu ĵurnalo :

«Libertad» : 7 artikolojn; «Diario Regional» : 6 artikolojn kaj notojn, «El Norte de Castilla» : 9 artikolojn.

—oOo—

- «La Gazeta Ilustrada» (31-7-62). Tre interesa artikolo pri la japana esperantisto Sro Taro Nishiumi.
- «Diario de Barcelona» (7-8-62). Raporto pri la 23-a Kongreso en Valladolid. Sendis. S-ro. J. Climent.

---

«Radio «La Voz de Levante» el Valencio, de nun elsendas sian «Esperautistan Mikrofonon», ĉiujaŭde, je la 24-n. En ĝi, oni povas aŭdi propagandajn artikolojn kaj lecionon pri nia lingvo.

---

Radio Varsovio : Ĉiutagaj elsendoj, je 16'30 ĝis 17'00 horo m. e. t. sur jenaj ondoj : 25'28, 25'42, 31'01, 31'45, 31'50, 41'18 kaj 42'11.



*H. E. J. S. kunvenis en Valladolid.*

# Literatura Konkurso "LUIS HERNANDEZ"

Esperanto-Grupo Valencia, kun la celo omaĝi sian plej aktivan kaj sindoneman membron, dumvive Luis Hernández, organizas literaturan konkurson kaj invitas la tutmondan esperantistaron partopreni ĝin, laŭ la jenaj reguloj :

1.ª La konkursaĵo estu originale nepublikigita prozaĵo, laŭ libera temo (novelo, eseo, rakonto, ktp).

2.ª Sendu ĝin prefere maŝinskribita kaj trioble.

3.ª La longeco de la skribaĵo ne estu pli ol 4.000 vortojn.

4.ª Skribu sur ĉiu konkursaĵo pseŭdonimon kaj, en aparta fermita koverto, kun la sama pseŭdonimo, klaran indikon pri la vera nomo de la konkursanto, adreson kaj etan biografion.

5.ª Oni asignos unu premion kaj unu subpremion je 700 kaj 300 pesetojn, respektive, al la du plej bonkvalitaj verkoj prezentitaj.

6.ª Sendu ĉion al la jena adreso : S-ro Francisko Amorós Rico, strato Milagrosa, 12, 2.º, Valencia (España).

7.ª La premiitaj verkoj aperos, laŭeble, en la Bulteno de la valencia Grupo, kaj, sen la permeso de la Redaktoro de tiu organo, oni ne rajtas antaŭe aperigi ilin en alian gazeton.

8.ª Trimembra internacia komisiono juĝos la verkojn kaj ĝi rajtas reteni premiojn se, siaopinie, la kvalitoj de la konkursaĵoj ne estus premiindaj.

9.ª La konkursaĵoj estos akceptataj ĝis la fino de venonta Decembro 1962ª.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959